# BOLETIN
## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VI N.° 8-9 (68-69) AGOSTO - SEPTIEMBRE, 1954


## Y EL CONGRESO SE HIZO...

Para quienes tomaron parte en el XV Congreso Español de Esperanto, celebrado en Zaragoza en Julio pasado, no fué una sorpresa la reiteración efusiva que se produce en nuestros congresos. Pero quienes asistieron y observaron pudieron darse cuenta de la marcha ascensional de nuestro movimiento y de la consideración y respeto con que el Esperanto se trata en España. La organización del congreso recayó sobre un reducido equipo que logró conseguir el éxito, gracias a su capacidad y entusiasmo. ¡Gracias, samideanos!

Las dignas autoridades de Zaragoza fueron el exponente de esa franca y espontánea cordialidad, tan conocida dentro y fuera de España. Y pudieron darse cuenta de la razón de ser de nuestros anhelos, como de la tangibilidad de nuestras realizaciones. Gran parte del éxito se debió a la afable simpatía del Rector Magnífico de la Universidad, Don Miguel Sancho Izquierdo, a quien, con estas líneas, testimoniamos nuestra estima y agradecimiento. Sin embargo, todo hubiera sido baldío si no se hubiese dado lo que podríamos llamar el «espíritu congresal». Con esta denominación incluímos a la numerosa asistencia a las sesiones laborales, a la calidad de las intervenciones, a la brillantez del concurso literario, al éxito de los exámenes y al desbordamiento afectivo de esta nuestra gran familia que, en sus anuales contactos, robustece los lazos de cariño y solidaridad, meta a la que se llega por la vía del idioma mundial que creó Zamenhof.

En suma: el congreso de Zaragoza ha sido una satisfacción para todos los esperantistas españoles y una demostración de la necesidad de nuestras reuniones. Por eso, sigamos trabajando por el Esperanto en nuestro cotidiano esfuerzo, pero atisbemos, en la lontananza de un mañana próximo, el resplandor del faro que nos iluminará el año próximo: ¡Gijón nos espera!

# LA XV-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EFEKTIVIĜIS

## ZARAGOZA TENIS TRE ALTE LA VERDAN STANDARDON

Kiel ni esperis, la sukceso atingita de nia ĵus okazinta Kongreso en Zaragoza estis ja granda. La partopreno de la hispana kaj eksterlanda samideanaro estis kontentiga kaj, malgraŭ tiu tropika varmo kiu preskaŭ sufokis nin —varmo, kiu hazarde ĝenis en tiuj tagoj, ĉar kelkajn tagojn antaŭe tute ne estis tiom varme—, la ĝuo pri tiu evento estis eksterordinara. Ni troviĝis meze de pure esperanta medio, kiu transdonis al ni la plezuran impreson pri kio okazos kiam Esperanto triumfos en la tuta mondo, same kiel ĝi jam triumfis inter tiu malgranda malplimulto, kiu praktike uzas ĝin. Ankaŭ nia nacia kunveno estis sukcesa en la respondo ricevita de la plej altaj instancoj de la urbo, kiuj konsentis aparteni al la Honora Komitato de la Kongreso, kaj inter ili unu, kiu ne nur estis membro de tiu Komitato, sed ankaŭ tre aktive partoprenis en la kongresaj taskoj: la Moŝta Rektoro de la Zaragoza Universitato, samideano Miguel Sancho Izquierdo, meritoplena persono, kiu transdonis al la Kongreso sian propran prestiĝon kaj reliefigis antaŭ la publiko la kulturan flankon de nia lingva ideo. Kaj ankaŭ sukcesa estis la Kongreso pro la elkora akcepto, kiun la kongresanoj renkontis ĉe la samideanaro kaj popolo de Zaragoza kaj pro la entuziasmo, kiu regis inter ĉiuj partoprenintoj. Specialan mencion ni faru pri la titanaj klopodoj de la membroj de la Organiza Komitato por la preparo kaj efektivigo de la programo, kaj ni substreku la sindonon, fervoron kaj entuziasmon de tiuj du herooj, kiuj sin nomas Pedro Marqueta kaj Antonio Marco. Ni vidis ilin, elĉerpi siajn fortojn plenumante la rolon, konduki nian nacian koncentrigon. La kongresanoj neniam povos sufiĉe danki ilin kaj iliajn kamaradojn de la Organiza Komitato.

Kaj nun ni skizu, kio estis la Kongreso de Zaragoza.

### VENDREDON, LA 23-an DE JULIO

Dum la tuta tago amasoj da esperantistoj alvenis al la kongresa urbo. La *Akceptejo* funkciadis senĉese, disdonante la dokumentojn. Ĝi estis instalita en ĉambro apud la klostro de la Medicina Fakultato kaj en ĝi deĵoris aro da junaj, simpatiaj kaj aktivaj gesamideanoj, kiuj kun ekstrema afableco atentis la alvenintojn, respondis iliajn demandojn kaj zorgis pri la poŝtoficejo kaj la vendado de flagetoj, poŝtkartoj kaj libroj.

En salono de la Casino Mercantil estis malfermita la *Ekspozicio,* perfekta pruvo pri kio estas Esperanto, pri la amplekso de ĝia utilo kaj pri la granda disvastigo atingita sur la tuta terglobo. Ĝi estis vizitata de multenombra publiko apartenanta al ĉiuj sferoj de la homa socio, kiu povis konstati ke en nia propagando estas nenia blufo.

Vespere je la 11-a horo okazis la *Interkona Vespero* en la ejo de la Agrupación Artística Aragonesa, societo kiu meritas plej sinceran dankon pro sia malavara konduto al la esperantistoj, ĉar ĝi ne nur disponigis siajn salonojn por la kongresanoj, sed ankaŭ liveris al ili ĉiajn refreŝigaĵojn tute senpage. Antaŭ la anoncita horo la trotuaro antaŭ tiu societo jam estis plena de gesamideanoj, ĝojigataj pro la renkonto post unujara disiĝo. Salutoj, ĉirkaŭpremoj, ĉiaj demandoj interŝanĝiĝis. Oni supreniris al la ejo de la societo kaj oni sidis ĉetable por daŭrigi la konversaciojn trinkante samtempe. Post kelkaj minutoj la ejo estis tutplena de gajaj, babilemaj gesamideanoj, montrantaj sian ĝojon pro la renkonto de konataj vizaĝoj kaj la kono de unuavidaj gesamideanoj. Antaŭ ol la langoj laciĝis, jam oni silentigis ilin per koncerto ludata de membroj de la societo per kordaj instrumentoj. Oni ludis tre bone la faman pecon «El sitio de Zaragoza», kiu estis tre plaĉe aŭskultata. Ankaŭ S-ino Vizcaíno tre majstre regalis niajn orelojn per la piano, ludante belajn partiturojn, inter ili la faman «Sevilla», de Albéniz. En tre agrabla atmosfero finiĝis la kunveno.

SABATON, LA 24-an

Antaŭtagmeze je la 11-a horo, kolektiĝis la kongresanoj antaŭ la Urbodomo por la *Oficiala Akcepto* de la Urbestro. Ni plenigis la Salonon por Sesioj kaj estis akceptataj de la Vicurbestro S-ro Francisco Vera, kiu salutis la kongresanojn en la nomo de la urbo, bonvenigis ilin kaj montris sian deziron ke nia Kongreso estu sukcesa. Lian saluton respondis samideano D-ro Rafael Herrero per precizaj vortoj, menciante la altan valoron de la zaragoza popolo, kiu naskis homojn famajn pro artaj kaj sciencaj meritoj. En la nomo de la eksterlandaj kongresanoj respondis al la vicurbestro la dana samideano S-ro Hansen, kaj kun aplaŭdo de la ĉeestantaro al la urbo, reprezentata de S-ro Vera, la kongresanoj forlasis la Urbodomon kaj piede aŭ pertrame iris al la Medicina Fakultato, en kies enireja ŝtuparo fariĝis la oficiala fotografado. Poste oni eniris en la Fakultato por okazigi la *Solenan Malfermon* en ĝia prelega salono. En la estrado sidis la Moŝta Rektoro D-ro Miguel Sancho Izquierdo, la reprezentanto de la Arkepiskopo de Zaragoza, S-ro Manuel Maynar kiel unua Prezidanto de la Organiza Komitato, Pastro Samideano Casanovas, Vicprezidanto de nia Federacio S-ro Anglada, dua Prezidanto de la Organiza Komitato S-ro Marqueta kaj ĝia Sekretario S-ro Marco. Unua en la vico por paroli estis la unua Prezidanto de la Organiza Komitato S-ano Manuel Maynar, veterana samideano, kiu batalis por nia ideo en la heroa epoko de la komenco de nia jarcento. Li malrapide kaj aplombe turnis sin al la scivolema publiko kaj igis defili rememoraĵojn pri tiuj malnovaj tempoj, tiom dankindaj de la aktuala juna generacio, ĉar sen ili tute ne estus ebla la nuna stato de nia movado. La longa kaj interesa parolado de S-ro Manuel Maynar estis dum sia daŭro kaj en la fino tre aplaŭdata. Post li, parolis S-ro José Anglada, Vicprezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, kiu priskribis la nunan staton de la hispana movado kaj instigis la federacian membraron ne forlasi la taskon, des pli ke la nuna jaro, pro la okazonta kunveno de UNSEKO, en kiu la esperanta afero diskutiĝos, povas esti decida por la estonteco de nia internacia helpa lingvo. Sekvis mencio de leteroj kaj telegramoj salutantaj la Kongreson. Estis tute neeble legi ĉiujn, ĉar alvenis ĉirkaŭ 200, kaj S-ro Marqueta legis nur kelkajn, inter ili tiujn de la tutmondaj organizoj. (S-ro Marco, Sekretario de la Organiza Komitato komisiis nin, informi de ĉi tie la 200 salutintojn al la Kongreso kaj la 300 sendintojn de objektoj al la Ekspozicio, ke li respondos al ĉiuj, kvankam necesos longa tempo por plenumi tion. Kelkaj gesamideanoj ne indikis sian adreson, do estos neeble respondi al ili. Ĉi tiuj konsideru sin resalutataj kaj dankataj de ĉi tie). Post la mencio de la ricevitaj salutoj, kelkaj hispanaj reprezentantoj salutis la Kongreson en la nomo de siaj urboj kaj kluboj. Sekvis la afablaj eksterlandaj kongresanoj, salutante en la nomo de siaj respektivaj landoj. Menciindaj estas la saluto de la hispana misiisto en Gvineo, Pastro Félix de Valois Arana, kiu partoprenis la Kongreson akompanata de la negra samideano el Gvineo, S-ro Manuel Enguema, kaj la saluto de la nederlanda samideano S-ro Stapel, Prezidanto de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj, kiu tre prave sin esprimis, alvokante la esperantistojn al la laboro. Vi povas vin amuzi, li diris, sed ne forgesu la gravajn taskojn kiuj vin atendas. Lia parolado estis mallonga sed trafa. Post la granda nombro da salutoj, paroladis la Rektoro D-ro Miguel Sancho Izquierdo, malnova samideano kiu iam eĉ estis estrarano de la loka Grupo «Frateco» kaj, kvankam apartigita dum longe de la movado pro siaj profesiaj devoj, ankoraŭ kun la torĉo de la esperantismo, flamanta en lia brusto, pruvante ke tiu ideo ne facile forgesiĝas. Al la Kongreso li faris tre utilan servon, disponigante al ni la Medicinan Fakultaton, bela kaj impona kadro kie niaj kunvenoj komforte glitis. D-ro Sancho Izquierdo parolis saĝe kaj korekte kiel decas al kulturita scienculo, kiu atingis per siaj meritoj la plej altan ŝtupon de la akademieco. Post la parolado de la Rektoro, venis la finaj vortoj de la Prezidanto de la loka Grupo «Frateco» deklarante malfermata la Kongreson. Kiel digna kutimo en la malfermo de niaj kongresoj, ĉiuj kongresanoj stare kantis nian himnon «La Espero».

En la sama ĉambro, je la 18-a horo okazis la *Unua Laborkunsido.* Prezidis S-ro Eusebio Maynar kaj postenis kiel sekretarioj S-roj Antonio Marco kaj Darío Rodríguez. S-ro Luis Hernández proponis sendi salutajn telegramojn al Lia Ekscelenco la Ŝtatestro kaj al la urbestroj de ĉiuj antaŭaj postmilitaj kongresaj urboj. Ambaŭ proponoj estis aprobataj. Kiel komisiito de la Estraro S-ro Hernández eklegis la raporton, kiun niaj legantoj jam konas, ĉar ni publikigis ĝin en la bulteno de Julio. Post la parto de la raporto dediĉita al la Administrado, li konigis proponon de la Estraro por altigi la federaciajn *kotizojn*, ĉar la kosto de la papero kaj afranko kaj la salajroj de la preslaboristoj suferis konsiderindan plialtigon. La Federacio proponas, ke la simplaj membroj pagu 15 pesetojn jare, t. e. same kiel ĝis nun; la membro-abonantoj pagu 50 pesetojn kaj la membro-subtenantoj 80 pesetojn. La subtenantoj ricevos kiel ĝis nun du ekzemplerojn de la bulteno; krome la bulteno aperigos iliajn nomojn. Post debato en kiu intervenis kelkaj samideanoj, la propono estis aprobata. S-ro Hernández daŭrigis la legadon de la raporto, kaj post la sekcio Libroservo, li informis, ke baldaŭ aperos lia traduko de la novelo «El curioso impertinente», de Cervantes. S-ro J. Juan Forné, zorganto de Libroservo, proponis ke sekve de la altigo de la afranko, oni aprobu ke la sendkostoj estu aldonataj en la ekspedoj farotaj per la poŝto, (ĝis nun ĉiuj libroj estis sendataj afrankite); la propono estis aprobata. Post legado de la sekcio Vortaro, D-ro Herrero parolis pri la malgranda vortaro hispana esperanta, kiun D-ro Tudela pretigas, kaj reliefigis la meritoplenan laboron, kiun la privortara komisiono, sub la gvido de S-ro Luis Mimó, faras en la preparo de la plena vortaro hispana esperanta. Ankaŭ parolis S-ro Darío Rodríguez pri la Gazetara kaj Radia Servo, S-ro Ramón Molera pri la Esperantaj Kursoj per Korespondado kaj S-ro José Guzmán pri la Katolika Grupo de la Federacio. Ankaŭ intervenis pri aferoj en rilato kun la blindaj esperantistoj S-roj Figuerola kaj Gómez Ibars. Oni anoncis kunvenojn pri diversaj sekcioj por sekvonta lundo kaj finiĝis la unua laborkunsido, lasante por la dua la daŭrigon de la legado de la raporto de la Estraro de HEF.

## DIMANĈON, LA 25-an

En la bela preĝejo «San Carlos», matene je la 10-a kolektiĝis la gekongresanoj por aŭskulti la *Solenan Meson;* ĉi jare okazis novaĵo, ĉar la meso estis dialogata en Esperanto. Oficis Pastro Félix de Valois Arana, helpata de la negra samideano S-ro Manuel Enguema. La predikon, kiel kutime ĉiujare, faris Pastro Casanovas kaj li regalis nin per bela kaj elokventa ekzemplo de mirinda oratora prediko. La kongresanoj eliris el la templo, ravitaj esti aŭdintaj meson kaj predikon en nia helpa lingvo. Ĉe la pordo la kongresanojn surprizis neinterrompita serio da eksplodoj, kiuj kredigis al ni, ke eble policanoj persekutas krimulojn pafante unuj la aliajn kiel en filmoj pri gangsteroj, sed tute ne, nur okazis ke S-ro Guzmán, laŭ la valencia kutimo, montris sian ĝojon bruligante unu «traca», sinsekvo da petardoj kunligitaj en formo de ĉeno, kiu per bruligo eksplodadas ŝajnigante mitralpafojn. Kelkaj kongresanoj ektimis ĝis ekscio pri kio temas, poste ili aplaŭdis la ŝercon.

Post la meso, oni faris la viziton al la *Muzeo de la Katedraloj,* komencante per La Seo, admirinda gotika preĝejo, konstruita en la sama loko kie ekzistis moskeo dum la araba regado —ankoraŭ restas muro kun arabeskoj apartenanta al la antaŭa konstruaĵo—. En la vido de ĉi tiu katedralo kaj ĝia muzeo de tapiŝoj la kongresanoj okupiĝis ĝis la tagmanĝa horo.

Je la 3-a posttagmeze okazis io, kio ne estis en la programo: radioelsendo esperantista de Radio Zaragoza. Tio estis tre simpatia aranĝo, kiun multaj kongresanoj ne aŭskultis, ĉar ĝi ne estis anoncita kaj ĉar ili ne disponis pri radioaparato. Post enkondukaj vortoj de la hispanlingva klariganto, ekparolis D-ro Herrero, kiu intervjuis eksterlandajn gesamideanojn S-ron Stapel, nederlanda, S-ron Wilkins, angla, S-ron Nunes, portugala, F-inon Ivette Amice, franca, Pastron Félix de Valois Arana, hispana, S-ron Manuel Enguena, el Gvineo kaj S-inon Marqueta, estondevena. La elsendo estis tre interesa

kaj, laŭ tio, kion ni povis konstati poste, de granda valoro propaganda, ĉar ĝi estis aŭskultata de multaj miloj da zaragozanoj de la urbo kaj de la provinco.

Je la 5-a la kongresanoj vizitis la Bazilikon «El Pilar», fama katedralo en Hispanujo, kien direktiĝas tiom da pilgrimoj el la tuta lando. Poste oni vizitis la plej belajn kaj interesajn kvartalojn de la urbo. Multaj samideanoj, kiuj jam konis ĝin, preferis sidi en kafejoj laŭlonge de la bela avenuo Independencia, ĝis la 8-a vespere, kiam ĉiuj iris alifoje al la kongresejo, kie okazis la *Literatura Vespero.* La salono pleniĝis de kongresanoj kaj sub la prezido de S-ro Mariano Solá komenciĝis tiu kunveno. Unue parolis S-ro Luis Hernández, kiu faris la enkondukon akcentante la altan valoron de Esperanto super aliaj lingvoj, kiuj vane pretendas ludi la rolon de internacia lingvo, ĉar ili ne estas taŭgaj por la literaturo, aserto agnoskita de iliaj propraj aŭtoroj. Li konkludis, ke tiuj projektoj neniam povos esti internaciaj lingvoj, tamen Esperanto pro sia longa literatura sperto pruvis sian taŭgecon. Sekve D-ro Fernando de la Puente, legis la decidon de la juĝkomisiono pri la verkoj prezentitaj al la *Literatura Konkurso,* kiu estis jena:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Originala Poezio | — | Unua Premio: | «Printempo», de Marjorie Boulton. |
| | | Dua Premio : | «La Ciganino», de Poul Thorsen. |
| Originala Prozo | — | Unua Premio: | «Pentristo», de Salvador Gumá. |
| | | Dua Premio : | «Rideto abundas... sur la lipoj de la saĝuloj», de Vincenzo Musella. |
| Poezia Traduko | — | Unua Premio: | Amalia Núñez Dubús. |
| | | Dua Premio : | Eusebio Maynar. |
| Proza Traduko | — | Unua Premio: | Amalia Núñez Dubús. |
| | | Dua Premio : | Luis Hernández. |

Ĉe aŭskulto de la nomoj de ĉiuj premiitoj, la publiko unuanime aplaŭdis. La premioj konsistis en diplomoj, medaloj kaj donacoj de la Moŝtaj Sinjoroj Provincestro, Prezidanto de la Provinca Deputitaro, Rektoro de la Universitato kaj la Prezidanto de la Aragona Arta Societo. Oni legis la verkojn, gajnintaj la unuajn premiojn. La legantoj estis: S-ino Mimó, de la poemo «Printempo», de Marjorie Boulton; F-ino Llonch, de la proza traduko de Amalia Núñez; S-ro Gumá, de sia proza originalo «Pentristo»; S-ro Hernández, de sia proza traduko kaj de la poezia traduko de Amalia Núñez Dubús. Krome S-ro Nunes legis alian tradukon de la sama poemo de Machado, kies tradukinto estis li mem. Poste S-ino Mimó tre verve deklamis poemon de Kalocsay, kaj F-ino Sevilla regalis nin, kun rapsoda arto, per la bela poemo «Reveno», kies aŭtoro estas ŝia patro S-ro Avelino Sevilla. Konstantaj ovacioj premiis ĉiujn deklamitajn verkojn. Kaj kiel fina agrafo de la Literatura Vespero, S-ro Mariano Solá, kun la elokvento kiu lin karakterizas kaj igas lin neanstataŭebla ĉe ĉiuj literaturaj solenaĵoj — tion ni lernis en la kongreso de Bilbao —, faris belegan paroladon, kiu estis mirinda lekcio pri ideoj en rilato kun Esperanto, kiujn devus tre zorge atenti ĉiu esperantista propagandisto. S-ro Solá ĉiam surprizis nin per la ekspono de tre originalaj simboloj aŭ de veraj faktoj, kies diskonigo tre trafe kontribuus al la ĝenerala agnosko pri la pravo de Esperanto. La disertacio de S-ro Solá estis tre plaĉe aŭskultata de la kongresanoj kaj kelkfoje dum sia daŭro kaj en la fino ĝi estis tre meritite kaj varme aplaŭdata.

La sukceso de la Literatura Konkurso pruvas, ke la samideanaro tre ŝatas tiusspecajn okazaĵojn, kaj tial ke ili krome utilas por ke nia literaturo riĉigu sin per la laboro de niaj verkistoj, ni opinias ke tia Konkurso nepre devas ripetiĝi en ĉiuj niaj kongresoj.

Je la 10-a vespere ĉiuj kongresanoj iris al la restoracio «Ambos Mundos» por la *Oficiala Bankedo,* agrabla turniro en kiu ĉiuj kongresanoj kutimas tre harmonie interkonsenti, kiel decas al vivantaj estaĵoj,

kiuj bezonas sin nutri por pluvivi. Oni manĝis kaj trinkis kaj oni gajiĝis. Ĉiuj babilis ĝis la momento kiam komenciĝis la *Folklora Festo,* belega manifestado pri la popolaj kantoj kaj dancoj el Aragonio. Junaj gekantistoj kaj gedancistoj en tipaj vestoj de la lando, apartenantaj al la Agrupación Artística Aragonesa, prezentis al la kongresanoj kolekton da tipaj kantoj kaj dancoj de ĉi tiu regiono, kiuj konsistigas la tiel nomatan *jota* (elparolu: ĥota), kiuj mirigis la publikon pro sia ĉarmo kaj belo. Tiel la kantoj kiel la dancoj, ambaŭ estas kunigo de energio kaj estetiko, formante subliman harmonion kiu ravas la spektatoron, ĉu se temas pri la *jota*-kanto, ĉu pri la *jota*-danco. Ĉiuj partoprenantoj en la folklora festo ludis bonege siajn koncernajn partojn, kaj krom la gedancistoj kaj gekantistoj, oni ne forgesu la muzikludistojn, kiuj majstre aŭdigis la belajn partiturojn. Inter ili, ni aŭdis belan komponaĵon, kiu enhavis la tipan muzikon de ĉiu hispana regiono, kies aŭtoro estas la patro de S-ano Orós, prezidanto de la loka klubo «Frateco». Ankaŭ estas menciinde, ke S-ano Miralles improvizis *jota* en Esperanto (ĉiuj kantistoj kantis en hispana lingvo), lernigis ĝin al bela kantistino —rimarkite de neniu spektatoro— kaj kiam venis la vico al tiu kantistino, ŝi surprizis nin per sia bela esperantista kanto. La sukceso, kiun la kantistino renkontis ĉe la aŭskultantaro estis grandega. Per la tondra aplaŭdo preskaŭ rompiĝis ĉies manoj. Post la folklora festo, komenciĝis ĝenerala balo, partoprenata de multaj esperantistaj paroj, kiu daŭris ĝis tre malfrua horo, pli bone dirite, ĝis frua horo, ĉar jam kelkajn horojn estis komenciĝinta la mateno de la sekvanta tago kiam la festo finiĝis.

## LUNDON, LA 26-an

En la programo, estis por la mateno diversaj *Fakaj Kunsidoj* kaj la *Ekzamenoj pri Lingva Kapablo kaj pri Instruista Kapablo.* Ni ne povis partopreni ĉiun aranĝon kaj nur ĉeestis la ekzamenojn. Tamen pri la fakaj kunsidoj la legantoj trovos la koncernajn raportojn en alia loko de ĉi tiu numero.

Kiam ni alvenis al la Kongresejo, en la enireja halo grupeto da samideanoj el Baskolando, ĝentilaj kaj bonhumoraj, alproksimiĝis al ni, ĉirkaŭrondis nin kaj, sub la gvido de nia kara samideano Otaola, dediĉis al ni jenan kanton, kun gaja melodio:

Se vi ne havas monon
neniu vin atentos,
nepre havu ĝin.
Sed, se vi multon havas
amikoj ĉiuj estos.
Nepre havu monon,
nepre montru ĝin.

Kaj sekvis rekantaĵo en brila tempo de marŝo, kiu invitis nin al kunkanto. Ni ĝojis pro ilia gajemeco kaj forlasis ilin, dum ili foriris renkonte al aliaj alvenantaj samideanoj por kanti al ili sian kanzonon.

Dum en kelkaj aŭloj de la Kongresejo, kunvenis diversaj Fakaj Sekcioj, ni eniris en alia ĉambro, kie okazis la ekzamenoj. La ekzamenantoj estis D-ro Rafael Herrero kaj S-ro Luis Hernández. Ĉirkaŭ 25 kandidatoj prezentis sin, kaj la taskoj konsistis en diktaĵoj, kiujn oni devis traduki en limigita tempo. Ni gratulas tre kore la kandidatojn, pro ilia intereso esti ekzamenataj por ricevi la diplomojn. Tio pruvas, ke ili deziras lerni, kaj tio estas nepra devo de konscia esperantisto. Bedaŭrinde la nombro de la partoprenantoj estis malgranda, kaj ni deziras instigi aliajn samideanojn lerni ĝisfunde la lingvon kaj pruvi sian scion per la venontaj ekzamenoj, kiuj, ni esperas, okazos ĉiujare.

Je la 5-a posttagmeze komenciĝis la *Dua Laborkunsido.* Estis ĝojinde, ke en ĉi tiu kongreso, partoprenis la laborkunsidojn pli granda nombro da samideanoj ol en antaŭaj kongresoj, kaj tio montras deziron ĉe la esperantistoj informiĝi kaj influi pri la decidoj en rilato kun la vivo de nia Federacio. Ni tre multe ĝojas pro ĉi tiu konstato kaj esperas, ke kun la paso de la tempo, ankoraŭ tiu nombro da samideanoj, partoprenantaj en la kongresaj debatoj, kreskos. S-ro Hernández parolis pri nia devo, rememori pri la samideanoj mortintaj en la pasinta jarperiodo, kaj li menciis la karan samideanon S-ron Isauro Alvarez, kies esperantistan sintenon li glosis kaj poste oni faris kelksekundan silenton je memoro de la neforgesebla amiko.

S-ro Hernández daŭrigis la legadon de la raporto de la estraro de la Federacio. Post la ĉapitro «Estraro», ni alvenis al la momento, en kiu oni devas starigi kandidataron, kiu estu propanata al la tutlanda membraro por la baloto, kiu laŭstatute devis okazi en la komenco de ĉi tiu jaro, sed devis suferi prokraston pro la kialoj montritaj en la raporto. S-ro Hernández legis la kandidataron proponitan de la estraro, jene:

Prezidanto: D-ro Rafael Herrero, Valencia.

Vicprezidanto: S-ro Mariano Solá, Tarrasa.

Sekretario: S-ro Ernesto Hurtado, Valencia.

Vicsekretario: S-ro Adonis González Meana, Ciaño-Santa Ana, Asturio.

Kasisto: S-ro Ernesto Guillem, Valencia

Voĉdonanto: José Guzmán, Valencia.

» Joaquín López Herrero, Madrid

» A. Pedro Marqueta, Zaragoza.

» Luís de Otaola, Bilbao.

Ĉe aŭdo de la nomo de ĉiu kandidato la kongresanoj kun aplaŭdo aklamis ilin. La tuta kandidataro ricevis la aprobon de la Kongreso.

Sekvis diskuto pri la venontjara kongresa urbo. Kiel oni povis legi en nia bulteno, la samideanaro de Gijón intencis proponi sian urbon por la venontjara kongreso; tamen post zorga pripenso, ili dubis ĉu tio estos ebla, ĉar dumsomere la tieaj hoteloj estas plenplenaj de homoj de pli sudaj partoj de la lando, kiuj forkuras el siaj hejmurboj, serĉante la mildan someron de la nordo. S-ro Villa subtenis la opinion, ke estos tre malfacile gastigi la kongresanojn; krome en Gijón ekzistas malmultaj samideanoj, kaj la laboro farota por organizi kongreson estas tre granda, ne surportebla de malmultnombra anaro. Tamen post interveno de kelkaj samideanoj, kiuj konsilis rilate la gastigadon, ke kun la necesa antaŭeco la kongresontoj mendu siajn loĝejojn, kaj rilate la laboron, ke la esperantistoj el Gijón petu helpon de la ĉirkaŭproksime loĝanta samideanaro, fine S-roj Villa kaj Menéndez kiel reprezentantoj de la Grupo de Gijón konsentis organizi la XVI-an Hispanan Kongreson de Esperanto en sia urbo, post atentigo ke la stariĝonta kongresa komitato klopodos trovi loĝejon por ĉiu kongresano, kun la kondiĉo ke ĉiu faru sian mendon kun la necesa antaŭtempo kaj ke la samideanaro el Gijón sufiĉas por organizi nian venontan jarkunvenon sen alies helpo. Tiuj vortoj estis akceptataj kun tre varma aplaŭdo de la kongresanoj.

Poste la ĉeestantaro decidis jenajn rezoluciojn:

1.ª Peti al la Hispana Delegacio ĉe UNESKO en la venonta konferenco de Montevideo, ke ĝi subtenu la proponon por la enkonduko de Esperanto en la planoj de publika instruado.

2.ª Peti al la Ministro pri Informado kaj Turismo la publikigon de broŝuro en Esperanto pri Hispanujo, kun la celo diskonigi la arton, la kulturon, la historion kaj la folkloron de nia lando.

3.ª Peti, kun la sama celo, al la Nacia Radio de Hispanujo, ke ĝi enmetu inter la programoj por eksterlando, dissendon en Esperanto.

Post la unuanima aprobo de la rezolucioj de nia nacia kunveno, la Prezidanto per mallonga parolado metis la finan punkton al la XV-a Hispana Kongreso de Esperanto. Oni kantis la himnon kaj poste oni atentigis nin pri tio, ke post alveno de la koncerna aparato, estos projekciata filmo pri la pasinta kongreso en Bilbao. La ĉeestantaro profitis la paŭzon por iom foriri el la varmo en la kongresejo kaj spiri la pli freŝan aeron en la galerio de la klostro. Kiam la projekcia aparato jam estis preta, denove la kongresanaro iris en la salonon kaj rigardis kun intereso la sur la ekranon projekciatajn scenojn pri kelkaj momentoj de la pasinta kongreso, kiuj estis, kun intereso kaj plaĉo, ricevataj de la rigardantaro, kiu vidis la konatajn figurojn de amikaj samideanoj, kelkaj ankaŭ partoprenantoj en ĉi tiu kongreso kaj aliaj, pro diversaj kaŭzoj, nun malestantaj.

Kaj ĉiuj foriris, post fino de la seriozaj taskoj de la Kongreso, por la vespermanĝo kaj frua enlitiĝo, kun la celo esti pretaj por la anoncita ekskurso en la sekva mateno. Tio ne malhelpis, ke post la vespermanĝo niaj karaj blindaj samideanoj kunvenis en la Delegacio de la Nacia Organizo de la Hispanaj Blinduloj, kie ĝia Delegito S-ro Primitivo Pérez Ruiz malavare kaj ĝentile aranĝis feston por la blindaj kongresanoj. En tiu simpatia festo okazis dancado kaj kantado de «jotas», kelkaj el ili en Esperanto kaj regis atmosfero de vera samideaneco, kvankam multaj ĉeestantoj ne estis esperantistoj.

## MARDON, LA 27-an

Tre frue en la mateno, la kongresanoj amasiĝis sur la trotuaro antaŭ la Medicina Fakultato, kie jam estis pretaj ses aŭtobusoj por la ekskurso al la Monaĥejo de Piedra. Kiam ĉiuj plenigis la veturilojn, ni foriris kontentaj povi pasigi unu tagon en la pura aero de la montaro kaj fari ion bonan por niaj pulmoj. Post ĉirkaŭ trihora veturado, ni alvenis al la Monaĥejo kaj tuj eniris en ĝia bela parko. Ne mensogis nia amiko Salvador Morales, kiam li verkis sian artikolon aperintan en nia bulteno, ĉar tiu parko estas io sublima, kiu meritas ne kelkhoran viziton, sed ke oni restu tie dum kelkaj tagoj por vere ĝui la naturon en ĝia mirinda beleco. La kunigo de verdo kaj akvo, havigas al la okuloj ravan pejzaĝon, indan esti scenejo por verko kiel «Sonĝo dum somernokto» de Shakespeare, kun akompano de la bela muziko de Mendelsson. Tre taŭga por vizito dum luna nokto kaj precipe por tiuj, kiuj plej abunde vizitas la parkon: la ĵusaj geedzoj. Post vizito al la parko kaj al la Monaĥejo, la kongresanoj iris al la manĝejo en la libera aero kaj poste kelkaj reeniris en la parko dum aliaj sidis en la kafejo por komforte trinkadi kaj babili. Ne mankis tiuj, kiuj ŝatas kanti, kaj inter ili en unua vico la amikoj el Baskolando.

Je la vesperiĝo oni denove enaŭtobusiĝis kaj ekprenis la vojon al Zaragoza, kie ni alvenis post noktiĝo. Ĉiuj aŭtobusoj haltis antaŭ la Medicina Fakultato kaj tie ĉiuj kongresanoj sin adiaŭis ĝis la venonta kongreso en Gijón. Tiu momento estis emocia, la esperantistoj disiĝis post la kelktaga kunestado. En iliaj vizaĝoj estis signo de feliĉo kaj ankaŭ de malĝojo pro la forlaso de amikoj ĉiam karaj, ĉiam neforgeseblaj. Ĝis revido, post unu jaro, en Gijón!



La Moŝta Rektoro de la Universitato de Zaragoza, D-ro Miguel Sancho Izquierdo.

Post la vespermanĝo kelkaj samideanoj improvizis adiaŭan kunvenon en kafejo Levante, sed la kunvenantoj estis tre malmultaj, ĉar tial ke tiu aranĝo ne estis anoncita, multaj esperantistoj sciis nenion pri ĝi. Tamen regis la kutima samideana spirito kaj eĉ oni faris planojn por la venonta kongreso. La zaragozanoj estis tre kore gratulataj pro siaj penoj kaj ripetiĝis la adiaŭoj.

En la sekva mateno ni forlasis la urbon, kiu tiel bone kondutis al ni. Neniam ni forgesos tiujn feliĉajn tagojn de la Kongreso en Zaragoza!

*J. B.*

---

## INTERNACIA ENKETO PRI ESPERANTO-LITERATURO EN PUBLIKAJ BIBLIOTEKOJ

**Ĉiu hispana esperantisto, kiu havas informojn aŭ povas akiri ilin, rilate tiujn publikajn bibliotekojn, kiuj posedas librojn en Esperanto, bonvolu sendi al la HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO, kiel eble plej baldaŭ, nomojn kaj adresojn de tiuj bibliotekoj, kaj listojn de la koncernaj libroj, kun indiko pri iliaj aŭtoroj, eldonjaroj ktp. Temas pri la internacia enketo iniciatita de Prof. D-ro Wannemakers S. J., kiu okazas en kunlaboro kun la Centro de Esploro kaj Dokumentado de UEA.**

# PRINTEMPO

**Unua Premio en la Literatura Konkurso de nia Kongreso (Originala Poezio)**

Birdoj min vekas per printempaj kantoj.
Birdoj eknestas, aŭ kun molaj plumoj
flirtas, facilaj, simplaj geamantoj.

Sub nunaj heloj kaj diversaj lumoj,
pluvetoj pentras ĉielarkojn; kisoj
de ventoj flatas vangon, kaj parfumoj

de hiacintoj freŝas; Adonisoj
revivas ĉie en potenco dia;
brilas en herb' krokusoj kaj narcisoj;

brilas la blanka flagro magnolia
en parko. Ĉie, ido aŭ burĝono
ekvivas. Ho, sezono ironia!

Amare nun la beloj de l' sezono
venenas min, sarkasme min incitas,
turmentas min per rozodorna sprono;

mia doloro brulas kaj zenitas,
inter printempa verdo, bluo, oro,
mi sidas ĉe l' fenestro kaj meditas:

jen ŝafideto; jen birdido, floro;
la jaro reprintempas, sed por mi
printempo ne revenas al la koro!

Kial vi mokas min, paseroj? fi!
Paseroj, ĉio pasas; vintra vento
froste disŝiris min kun raŭka kri'...

Mi restas en soleco kaj turmento;
la ciklo de l' sezonoj ĉesas nun
ial por mi; en pala malkontento

mi ŝajnas vivi ĉiam en aŭtun'.
Eble la glaciaro de la nordo
rampadas suden, aŭ ekmortas sun',

aŭ mia kosmo dise en malordo
velkas; glacie, venkas la polusoj;
eble ĉe mia viva marobordo

la Golfofluo kun varmigaj flusoj
sin perdis; ĉar printempo ne aperas;
epoko de mallumo, de minusoj!

Ĉu rajtas mi esperi? Ĉu esperas?
Aprilo pluvokise baldaŭ trempos
foliojn; ĉu simbolo kosma veras?

Ĉu mia kor' neniam reprintempos?

*Marjorie Boulton.*

# LA CIGANINO

**Kanzono efemera**

**Dua Premio en la Literatura Konkurso de nia Kongreso (Originala Poezio)**

Preter pontoj Zaragozaj
Ebro flave fluas,
kaj de turoj grandiozaj
mozaikoj bluas.
Murkatenoj de korsar'
tremas, kiam de *Pilar*
sonoriloj bruas.

Vigle vivas la imago
pri Aragonio:
Iam post peniga vago
mi kun apatio
sidis ombre en drinkej',
dum la sun' kruelis plej
en monat' julio.

Tiam ŝi aperis fone
de l' arabaj muroj,
blankvestita, tre ĉifone,
kaj kun nudaj kruroj:
Tute juna ciganin',
kiu palpe ŝovis sin
preter perloŝnuroj.

Kaj sur ŝia kokso mola
rajdis bruna bubo.
Tute preta kaj petola,
spronis sur la jupo.
Larme ridis la okul',
ŝude grimpis la etul'
kiel viva pupo.

Jes, la sorto ofte benas
oble al ciganoj:
Moko kaj mizero venas
kune kun infanoj!
Mem infano jam patrin'
almozante turnis sin
al la *tavernanoj.*

Post ofero tre avara
al la brunulino,
ŝi forglitis senamara
kun gracia klino.
Plene mi forgesis pri
la bubeto kaj pri ŝi
—ĝis la tago-fino.

Tiam palis pro ekstazo
ŝi ĉe la *korido.*
Tintis en la taŭro-kaso
la almoz-profito.
Kaj ripozis dolĉe jam
ĉe la ĝusta, panja mam'
la pruntita ido.

Preter pinoj Zaragozaj
Ebro flave fluas,
kaj ciganoj virtuozaj
en la *ĥoto* ĝuas.
Nur silentas la gitar',
treme, kiam de *Pilar*
sonoriloj bruas.

*Poul Thorsen.*

*Pilar:* katedralo Zaragoza.
*Taverno:* drinkejo.
*Korido* (hispane corrida): taŭroludo.
*Ĥoto* (hispane jota): popola danco Aragonia.

## NOKTE, KIAM MI DORMADIS...

**Traduko de la poemo de Antonio Machado «Anoche cuando dormía...» (La originalo aperis sur la numero 63 de nia bulteno). Unua Premio en la Literatura Konkurso de nia Kongreso (Poezia Traduko).**

Nokte, kiam mi dormadis,
mi sonĝis, reva trezor'!
ke fontaneto ŝprucadis
en l' intern' de mia kor'.
Tra kiu kaŝa kanalo,
akvo venas tien-ĉi,
nova viv', kies pokalon
ankoraŭ ne trinkis mi?

Nokte, kiam mi dormadis,
mi sonĝis, reva trezor'!
ke abelaro zumadis
en l' intern' de mia kor'
kaj l' oroflavaj abeloj
tie fabrikis kun pen'
vakson kaj dolĉajn mielojn
el la malnova ĉagren'.

Nokte, kiam mi dormadis,
mi sonĝis, reva trezor'!
ke brulanta sun' lumadis
en l' intern' de mia kor'.
Brulanta, ĉar ĝia akcelo
ruĝis kvazaŭ forna varm'
kaj sun' ĉar pro ĝia helo
el okuloj fluis larm'.

Nokte, kiam mi dormadis,
mi sonĝis, reva trezor'!
ke estas Di' kion mi havis
en l' intern' de mia kor'.

*Amalia Núñez Dubús.*

---

## LA 39-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

De la 31-a de Julio ĝis la 7-a de Aŭgusto okazis ĉi tiu grava kongreso, en Haarlem, Nederlando, kun partopreno de pli ol 2000 kongresanoj el 28 landoj. Honora Protektanto estis la nederlanda ĉefministro D-ro Drees, kiu ĉeestis la inaŭguron kaj paroladis en Esperanto. Ankaŭ en la sama lingvo bonvenigis la kongresanojn la urbestro de Haarlem, S-ro Mag. Cremers. Estis tre interesaj kaj gravaj aranĝoj, inter ili Diservo, publika kunsido de la Akademio de Esperanto, ĝenerala kunsido de Universala Esperanto-Asocio kaj la ĉiujara Internacia Somera Universitato.

Dum unu el la kunsidoj de UEA, S-ro Kennedy legis bondeziran telegramon de S-ino Wanda Zamenhof. Poste alvenis la malĝoja informo pri ŝia morto pro aŭtomobila akcidento. La kunsido decidis sendi telegramon al ŝia filo Ludoviko Zamenhof. Tial ke la Sekretario de UEA S-ro Goldsmith fariĝos 65-jara en venonta aŭtuno kaj devos lasi sian oficon, kiun li tiel bone plenumis, oni esprimis al li plej elkoran simpation kaj oni transdonis al li belan donacon. Oni distribuis la premiojn de la Belarta Konkurso, jene: En la Afiŝa Branĉo ricevis la unuan premion F-ino Simondetti, la duan S-ro Barnickel. En Originala Poezio, ricevis la unuan premion la poemo «Antaŭ la spegulo» de S-ino Urbanová, la duan «Premsonĝo» de S-ro Piron kaj la trian «Frua mateno en Sarajevo», de Poul Thorsen. En Tradukita Poezio, gajnis la unuan premion «Leprulo» de Seedorf, trad. de Poul Thorsen, kaj en Originala Dramo, gajnis la unuan premion «Um-Sennah kaj Um-Sentin» de S-ro Delor.

Multaj fakaj asocioj kunvenis kaj oni faris diversajn ekskursojn. Fine oni decidis gravajn rezoluciojn rilatajn al UNESKO kaj sendi al la Ĝenerala Direktoro de ĉi tiu internacia organizaĵo memorandon por korektigo pri kelkaj deformaj informoj aperintaj en la dokumento preparita de la Sekretariejo de UNESKO, sub la titolo «Report on the International Petition in Favour of Esperanto», de la 1-a de Junio de 1954.

Oni decidis organizi la 40-an jubilean kongreson en Bologna, Italujo.

# FAKAJ KUNSIDOJ EN LA KONGRESO

*BLINDULOJ.* Ĉi tiu kunsido okazis en la Delegacio de la Nacia Organizo de Hispanaj Blinduloj. Oni diskutis kaj aprobis la statuton por tutlanda grupigo de la esperantistoj en la hispana blindularo, kies agadkampo estos ilia Nacia Organizo mem, kaj kies nomo estos *Hispana Esperanta Aŭroro.* Oni starigis provizoran kvinmembran estraron, kaj estis elektataj jenaj samideanoj: Prezidanto, S-ro Tomás Bustos, Bilbao; Vicprezidanto, S-ro Jacinto Jiménez, Madrid; Sekretario, S-ro José Gómez Ibars, Barcelona; Vicsekretario, S-ro Saúl Orea, Madrid, kaj Kasisto, S-ro Dámaso Mielgo, Bilbao. Mankas nur la subskribo de la nacia estro S-ro Ezquerra por ke Hispana Esperanta Aŭroro estu oficiale starigata kiel efika kunordigilo de la esperantomovado inter la hispanaj blinduloj

*José Gómez Ibars.*



Pastro J. Casanovas kun S-ano Mestre kaj ĉi ties ĉarma filino.

*KATOLIKOJ.* Okazis komuna kunsido de la Katolika Esperantista Hispana Asocio kaj la Katolika Grupo de nia Federacio, kaj ambaŭ interkonsentis pri la jenaj decidoj:

1.ª Subskribo de kontrakto inter K. E. H. A. kaj H. E. F., same kiel ekzistas inter I. K. U. E. kaj U. E. A.

2.ª Speciala komisiono redaktos publikan deklaracion por «Ecclesia» kaj Vatikana Radio, pri la valoro de Esperanto kiel praktika rimedo por krei *supernacian konsciencon,* kaj por la internaciaj rilatoj inter la katolikoj sen ofendo al ia ajn nacia patriotismo per la altrudo pri uzado de fremda lingvo.

3.ª Peti al I. K. U. E. petskribu al la Sankta Seĝo por la starigo de la Sankta Papo Pío X, kiel patrono de la katolikaj esperantistoj. (Laŭ la Kanonina Juro, la katolikaj esperantistoj ankoraŭ ne havas patronon).

4.ª Peti al la estraro de I. K. U. E. kaj al la internacia konsilantaro de Pax-Christi la aranĝon de komuna internacia kongreso.

5.ª Peti al la nacia sekretario de Pax-Christi, ke la unua nacia kongreso de Pax-Christi okazu samtempe kaj samloke ol la Hispana Kongreso de Esperanto. Oni povus aranĝi la unuan komunan nacian kongreson de Pax-Christi kaj de la katolikaj esperantistoj.

6.ª Sendi telegramon al la Sankta Papo, petante la apostolan benon.

*José Guzmán.*

*FERVOJISTOJ.* Kun la ĉeesto de la Prezidanto, la Sekretario kaj la Redaktoro de la bulteno, de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj kaj de kolegoj el Nederlando, Francujo kaj Portugalujo, la hispanaj fervojistoj kunsidis por fondi la landan fervojistan organizon. La Prezidanto de la I. F. E. F. S-ro Stapel parolis pri ĉi tiu internacia organizaĵo, kiu atingis 1600 membrojn en 23 landoj kaj menciis la celojn de la

internacia asocio, donante krome klarigajn respondojn al diversaj demandoj de la ĉeestantaro. La Sekretario S-ro Lok informis pri la necesaj laboroj por komenci la funkciadon de la organizo en preparo kaj fine oni decidis fondi ĝin sub la nomo de Hispana Esperanta Fervojista Asocio. Poste oni elektis la estraron, jene: Prezidanto, S-ro J. Puértolas; Sekretario, S-ro D. Bergés; Kasisto, S-ro Francisco Trigo; Delegito en Barcelona, S-ro Miró; en Badalona, S-ro J. Saladrigas; en Gijón, S-ro A. Menéndez kaj en Valencia, S-ro S. Díez Sanz de Andrinos. S-ro Stapel invitis la hispanajn kolegojn partopreni la estontan internacian kongreson en Zurich, kaj en la nomo de la I. F. E. F. bonvenigis la hispanajn kolegojn en la tutmondan organizon kaj esprimis la deziron, ke nia rondo favore kresku. Kaj post tio oni finis la kunvenon. Oni faris viziton al la fervojista lernejo, kie la Direktoro tre ĝentile atentis la esperantistajn fervojistojn, akompanata de du fervojistaj instruistoj. Ĉi lastaj gvidis la vizitantojn tra la lern— kaj laborĉambroj, priskribante interesajn aspektojn pri la instruado en tiuj lernejoj. Ĉe la adiaŭo la Direktoro sciigis la vizitantojn, ke li informos la estraron de la R. E. N. F. E. (hispanaj fervojoj) pri la vizito, ke li persone estas tre favora al la instruado de la lingvo Esperanto en la fervojistaj medioj kaj ke laŭ sia opinio la estraro de la R. E. N. F. E. favoros nian movadon, ĉar la unua paŝo estis sukcesa.—*D. Bergés.*

*FILATELISTOJ.* En sia kunveno la filatelistoj adoptis jenajn decidojn:

1.ª Gratuli la Organizan Komitaton de la XV-a Hispana Kongreso de Esperanto pro la atingo de la kongresa poŝt-stampo.

2.ª Peti al la sama Komitato, ke ĝi danku al la Ĝenerala Poŝta Direkcio pro ĝia permeso rilate tiun stampon.

3.ª Klopodi por ke la estontaj Organizaj Kongresaj Komitatoj, ankaŭ faru saman peton pri permeso al la menciita Direkcio, por uzo de similaj stampoj en ĉiu Kongreso.

4.ª Elekti samideanojn E. Moreno kaj R. Molera, por ke ili organizu Kolektantan Sekcion (ne nur filatelan), por grupigi ĉiajn kolektantojn.

5.ª Peti al la Estraro de Hispana Esperanto-Federacio, ke ĝi disponigu lokon en la bulteno, por aperigo de konstanta «Kolektantrubriko».—*R. Molera.*

*INSTRUISTOJ.* Oni fondis la Sekcion kaj oni aprobis la statutojn. Ne estis decido pri ĝia Estraro, sed oni komisiis S-ron Marco Aurelio Perles, esti en kontakto kun la ceteraj instruistoj por ordigi la Sekcion kaj havigi pluajn informojn per la bulteno de nia Federacio.—*M. A. Perles.*

---

# HISPANA KRONIKO

*TARRASA.* Okaze de la kursofino, la Esperanto-Fako de S. C. Juventud Tarrasense organizis, kiel kutime, belan feston, kiu estis granda sukceso. Post frata vespermanĝo faris paroladetojn S-ro Chaler kaj F-ino Durenkamp, redaktorino de *Espero Katolika.* Poste S-ro V. Arís, prezidanto de Esperanto-Fako, per simplaj kaj adekvataj vortoj atentigis la lernantojn pri tio, »ke la ricevo de diplomo ne estas la supro, sed nur ŝtupo al perfekta lingvoscio». Daŭrigante la feston, S-roj Chaler kaj Arís disdonis diplomojn al 65 gelernantoj. Libropremiojn (gramatiko Bremón) ricevis F-ino Adelaida Marcet kaj S-ro Modesto Gener. La festo finiĝis per familia balo.—*V. A.*



Pri la kursfina festo en Tarrasa. De maldekstre: S-ro Chaler, F-ino Durenkamp, S-ro Arís kaj F-ino Llonch.

*SANTANDER.* Oni fondis la *Grupo Esperantista de Educación y Descanso,* kies adreso estas: Santa, Clara, n.º 8. Ni sendas niajn plej korajn bondezirojn al tiu nova klubo.—*R.*

*VALENCIA.* La 10-an de pasinta julio, la gelernantoj finintaj la lastan kurson oferis al siaj instruistoj vespermanĝan omaĝon en hotelo Munich. Post la vespermanĝo, la plej malnova lernanto, S-ro Candela, je nomo de ĉiuj siaj kamaradoj, diris sentoplenajn dankvortojn. La omaĝitoj, S-roj Hernández, Vizcaíno kaj Prades respondis per paroladoj, kiuj vibrigis nin per sia emocio, precipe la vortoj de kuraĝigo kaj espero de S-ro Hernández, laŭdante la bonkvalitojn de ĉi tiu granda idiomo kaj komunikante al ĉiuj ĉeestantoj sian grandan entuziasmon. Ĝoja balo finis tiun agrablan omaĝon.—*O. C.*

*SABADELL.* La 15-an de aŭgusto, profitante la kelktagan restadon en Barcelona de la angla esperantistino S-ino Clare Erades, sekretariino de *Opera Societo,* de Manchester, oni organizis prelegon kaj kantadon de kanzonoj en Esperanto, en la loka Akademio de Belaj Artoj. S-ro Delfí Dalmau lerte tradukis por la neesperantista publiko. Longa aplaŭdo kaj bela florbukedo premiis la simpatian samideaninon. La urbaj gazeto kaj radiostacio favore menciis tiun esperantan eventon.—*H.*

*BARCELONA.* Kuraĝige estas vidi, ke plenumante la alvokon de S-ano Fábregas, Provinca Delegito de HEF, la unuigo de ĉiuj barcelonaj grupoj estas jam preskaŭ farita. Ni dankas al la asociaj grupoj ilian konsenton, akcepti nian ejon kiel provizoran Sekretariejon de la Barcelona Centra Komitato. Ankaŭ estas kuraĝige vidi, kiel revenas al nia hejmo tiuj, kiuj forlasis niajn vicojn por fondi aliajn kvartalajn grupojn. La aktivaj samideanoj de la Grupo «Hormiga Martinense» jam aliĝis al nia Komitato kaj ĝiaj prezidanto kaj sekretario jam estas membroj de ĝi. Por organizi nian centran arkivon, ni petas al ĉiuj asociaj grupoj bonvolu sendi al ni liston de la membroj, kun indiko pri profesioj, aĝoj, datoj de esperantiĝo kaj pri tio, ĉu ili deziras kunlabori en iu ajn servo de la Centra Komitato.-*A. J.*

*BILBAO.* En la lasta jarkunveno de la Esperanto-Grupo, estis elektata kiel Sekretario S-ro Roberto Fernández, anstataŭe de S-ro Muñoyerro, kiu eksiĝis, kaj kiel komitatanoj S-roj Angel Bolaños kaj Juan Liceranzu, anstataŭe de S-roj Cecilio Olalla kaj Eduardo Larrouy. Oni decidis omaĝi S-ron Muñoyerro pro lia bonega kaj laŭdinda laboro. Malgraŭ

# MIA VOJAĜO EKSTERLANDE

Mia patro kaj mia onklo jam delonge estas esperantistoj, kaj pro ili mi lernis Esperanton antaŭ tri jaroj; mi estas nun 22 jara. Leginte en la «Boletin» pri la 13-a Hispana Kongreso de E., mi diris: «Mi estus tre feliĉa partopreni tiun kongreson...» Kaj miaj gepatroj, ĉiam komplezemaj, aranĝis ĉion por tio. Do, mia patrino kaj mi ĉeestis tiun kongreson. Tie, inter la kongresanoj, mi renkontis anglojn, G-roj Yelland el Aspremont, Francujo. Ili estis la unuaj eksterlandanoj kun kiuj mi, hezite, ekparolis en Esperanto, vere mi balbutis. De post kiam mi interparolis kun ili, ne plu mi timis paroli nian lingvon. Post mia unua kongreso, mi revis partopreni la duan...

Unu tagon mi legis en «La Praktiko» alvokon de S-ro P. Delairé, Orleans, Francujo, ke hispanaj esperantistaj familioj bonvolu akcepti dum somero francan laŭreaton. «Paĉjo, Panjo, ĉu ni gastigu francan laŭreaton?» «Jes, certe...», estis ilia respondo. Meze de Julio 1953, junulo J-P. Rousselle, franco, estis ĉe ni kiel gasto. Ni insistis, ke li restu iom pli longe kaj partoprenu en la Hispana Kongreso. Kaj ni kune, t. e. panjo, li kaj mi, ĉeestis la kongreson en Bilbao. Estis por ni tre ĝojige renkonti antaŭajn konatulojn el Valencia.

La gepatroj de nia franca gasto reciproke invitis min gasti ĉe ili, se iam mi vojaĝos al Francujo. Vojaĝi... la ora revo de mia vivo! Al miaj gepatroj mi diris: «Ja, mi ŝatus vojaĝi, sed... tio ne estas ebla; ĉar mi lamas, vi neniam lasos min vojaĝi sola en fremda lando; kaj vi kara patrino, bedaŭrinde, ne povos akompani min». Miaj gepatroj komprenas, ke nuntempe, pere de Esperanto, vojaĝi estas afero facila. Ili venis renkonten al mia deziro. Kia ĝojo! Kia feliĉo! Tuj mi skribis al Aspremont, al G-roj Yelland kaj demandis ĉu ili povus akcepti min kiel gaston. Ili respondis: «Venu, vi estos ĉe ni kiel ĉe vi». Ankaŭ mi skribis al S-ro Delaire, kiu respondis: «Mia edzino kaj mi tre ĝoje gastigos vin». Ankaŭ mia korespondanto en Nederlando skribis al mi: «Certe, vi faros belegan vojaĝon. Sed estus pli bone profiti la okazon ĉeesti la 39-an U. K. en Haarlem. Mi volonte gastigos vin». Kion farus vi, karaj geleganto j? Ĉu mi povus rifuzi tiajn invitojn? Do, mi aliĝis al la U. K. kaj nun mi estas survoje al ĝi.

G-roj Yelland renkontis min ĉe la stacidomo en Nice, la 11-an de Majo matene. Tie, promenante, ili montris al mi la ĉefajn stratojn, promenejojn kaj grandajn magazenojn. La saman postagmezon, sur strato, geedzoj el Skotlando rimarkis niajn stelojn kaj alparolis nin. Vespere per aŭtobuso ni venis al Aspremont, vilaĝo en la montoj. La esperantistoj nomas G-rojn Yelland «Panjo» kaj «Paĉjo»; kompreneble, mi faras same. En Aspremont estas alia esperantista paro: G-roj Giseken, ŝi indonezianino, li holandano. Esperantistoj el diversaj lokoj ekskursas al Aspremont. De Nice kelkaj venis speciale renkonti hispanan esperantistinon. Do, mi loĝas nun en vera Esperantujo, kaj inter ni, ni parolas nur en Esperanto. Baldaŭ mi ekvojaĝos al aliaj amikoj en Francujo. Pri tio mi raportos poste.

Aspremont, Francujo, 27-an de Majo 1954. *Pepita Criach.*

---

# VIVO SAMIDEANA

*Nia kara amiko kaj samideano el Callosa de Segura, Alicante, S-ro José María Bernabeu Franco, edziĝis pasintan 9-an de Aŭgusto kun F-ino Dolores Egea Estañ. Al la feliĉa paro ni sendas nian plej koran gratulon.*

*S-ino Felipa Hayas, edzino de nia estimata samideano S-ro Alfonso Escamilla, Pegalajar, Jaén: naskis ĉarman filineton Rosa María. Nian plej sinceran gratulon al la ĝojaj gepatroj.*

---

sia ĉeso kiel voĉdonanto en la komitato, S-ano Cecilio Olalla diris, ke li konstante helpos en la Sekretariejo kaj ordigos la bibliotekon, ĉar li nepre bezonas fari ĉiam ion por Esperanto; aliamaniere li ne povas kompreni la vivon. Oni decidis kontribui per unu sterlinga pundo al la Fondaĵo Montevideo, kaj pro la bonfara agado de la fervora kaj altŝatata S-ano Ezquerra, oni decidis igi lin honora membro de la Grupo.—*S. A.*

# NOVAJ LIBROJ

*Recenzistoj esprimas ĉi tie siajn proprajn juĝojn pri verkoj.*
*La Redakcio kaj la Estraro de H E F estas tute sendependaj de iliaj opinioj.*

Ricevita letero

LA MONDCIVATANA RESPUBLIKO
27 Red Lion Street, High Holborn,
London, W. C. 1, 19 Julio 1954.

Al la Redaktoro de Boletín de la
Federación Esperantista Española
Valencia.

Tre estimata Samideano:

Multan dankon por publikigi recenzon de nia bulteno *La Mondpopolo* kaj de la informa folio *Kio estas la Mondcivitana Respubliko?* (Julio 1954).

Mi eble devus klarigi, ke la M. R. *nek* estas movado, *nek* organizaĵo, sed popolo. Mi tute konsentas, ke ekzistas tro multe da movadoj por mondfederacio kaj similaj idealoj, kiuj ne kunlaboras, ĉiu laborante sole kaj ofte unu kontraŭ la alia.

Sed mi devas mencii, kaj espereble vi publikigos tiun fakton, ke la M. R. kunlaboras kun Universala Ligo. Ni akceptas ilian membrokarton por registri civitanojn, kaj la Sekretario kaj unu el la Vicprezidantoj estas ankaŭ civitanoj. En nova klariganta folio, ni certe mencios Universalan Ligon.

Estas interesa fakto, tamen, kaj mi diras tion kiel membro de la nacia komitato de U. L. en Britujo, ke U. L. ne estas la plej aktiva movado laboranta por nia komuna idealo. Ŝajnas esti, ke la plejmulto da aktivaj membroj de U. L. *nur* estas legantoj de *La Praktiko,* kaj nenion alian. Nur la anoj de U. L., de kiuj *Leganto* verŝajne estas unu, povas ŝanĝi tiun mankon.

La plej grava movado en nia afero, laboranta por pli bona kaj pacama mondsocio, sendube estas la ***Mondmovado por Federacia Mondregistaro.*** Universala Ligo estas membro-asocio. La nombro de la anoj de ĉiuj asocioj aligita al la movado estas pli granda eble ol la nombro de la esperantistoj en la mondo! Devus esti la tasko de la esperantist-mondfederalistoj labori por persvadi la neesperantistojn pri



**Pastro Félix de Valois Arana kun la Gvinea samideano S-ro Manuel Enguema.**

la neceso de Esperanto, anstataŭ bedaŭri la ne-mencion de malgranda U. L. en ĝenerala mondfederalista literaturo k. t. p.

Li devas ne forgesi, ke Esperanto ne estas akceptita ĝis nun de la plejmulto da esperantistoj, aŭ eĉ de la plejmulto da mondfederalistoj. Nur tiam estos U. L. pli menciinda inter neesperantistoj, kiam estiĝos vera movado *laboranta* por Esperanto *kaj* mondfederacio. Ni ankaŭ ne devas forgesi, ke internacia lingvo nur estas unu flanko de la afero.

Kun bondeziroj al via asocio kaj via bulteno, salutas vin, samideane via

*Karl-Heinz Niedrum*

**Sekretario por Informado kaj Redaktoro de «La Mondpopolo»**

**LA BAPTO DE CARO VLADIMIR,** Karel Havliĉek Borovski, el la ĉeĥa esperantigita de Tomáš Pumpr.— «Stafeto»—eldono n.° 2— 144 paĝoj, 53 desegnoj de la ĉeĥa Nacia Artisto Josef Lada. — Prezo: 10 anglaj ŝilingoj aŭ 1'50 usonaj dolaroj, plus sendkostoj.

La nova eldonejo «Stafeto» nin regalas per la dua volumo. Sur slava legendo pri caro Vladimir, la ĉeĥa verkisto Havliĉek konstruis drastan satiron, bedaŭrinde nefinitan. Mi jam konis la duan kanton; aperintan en la *Ĉeĥoslovaka Antologio*, sed, se ĝi taŭgis por ĝui la belan formon, certe ne sufiĉis por kompreni la amplekson kaj la gravecon de la verko.

Kiel en ĉiu samspeca literaturaĵo —ni, hispanoj, ja bone konas tion per nia ĉefverko Don Kiĥoto— estas du kontraŭaj aspektoj: kiu supraĵe legos, tiu gaje ridos je la popolaj tipoj, la bonhumoraj karikaturaĵoj, la multaj propravole uzataj anakronismoj (la agoj okazas en la X-a jarcento kaj oni parolas pri kanonoj, telegrafo, gazetoj, ŝtatpapero, ĉokolado...); sed kiu atente trafos la kernon, tiu spitos kaj fajros je la maljustaĵoj, ĉiam aktualaj, aplikeblaj al caroj kaj «malcaroj».

Certe ne ĉiuj konsentos kun la opinioj de la aŭtoro; sed ĉiujn mirigos la humora talento de la verkisto. La traduko de T. Pumpr, en kvarversaj strofoj de 6-8-6 silaboj (la Ukrajna strofo «Kolomijko» de la originalo), estas bonega. La lerta tradukisto majstras la rimon, ludas kaj ĵonglas per la vortoj, sen preskaŭ uzi la apostrofon nek novajn vortojn. Li ofte uzas internan rimon. Jen specimeno:

Mi matene devas pene
rosi kampan valon,
hejti sunon kaj la lunon
fermi en la stalon.

Krom la poemo, la libro entenas noticon pri la aŭtoro, klarigojn pri ĉiu kanto kaj epilogon. La materia prezento estas alloga; bonhumoraj ilustraĵoj de la ĉeĥa Nacia Artisto J. Lada jam ridigas la leganton antaŭ ol li legos. Bonan paperon kaj seneraran presadon ni ĝuas kiel mi trovis en malmultaj nuntempaj libroj. «Stafeto» indas aplaŭdon de ĉiu esperantisto.

*A. Núñez Dubús.*



Grupo da kongresanoj el Sabadell dum la ekskurso

**NIA LINGVO ESPERANTO,** de Karl Vanselow. Dua kajero de dua serio. Prezo 2 int. respondk. Mendebla ĉe la aŭtoro: Akazienstr. 20, Berlin-Schöneberg, Germanujo.

Jen nova kajero de tiu bela kolekto de elektita poezio por deklamo kaj por kanto. Ĝi enhavas krom bonajn tradukojn de germanlingvaj poetoj, ĉarmajn originalajn poemetojn, pruvantaj ke la Muzoj havas amikajn rilatojn kun S-ano Vanselow, la esperanta trobadoro! Kelkaj el tiuj poemetoj estas kanteblaj laŭ konataj melodioj de Lehar, Puccini ktp, kio pligrandigas ties intereson. Mi varme rekomendas tiujn kajerojn al la legantaro, kiu povas trovi en ili taŭgan materialon por grupaj vesperoj.

*J. Juan Forné.*

LIBROSERVO DE

HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Pelayo, 7 — Valencia

En lo sucesivo cargaremos el 5 por 100 por gastos de expedición, y si se desea el envío certificado cargaremos además una peseta por paquete.

En los envíos contra reembolso cargaremos dos pesetas por paquete. No obstante agradeceremos que los pagos nos sean hechos por giro postal anticipado, pues de esta forma nuestro trabajo se simplifica mucho.

Ya ha aparecido la cuarta edición de *Plena Vortaro de Esperanto*, 512 páginas mas el suplemento con 64 páginas, total 576 páginas. Un volumea en formato 98 x 145 m/m. Encuadernado en tela. Precio 100 pesetas, mas 5 ptas. por gastos de envío.

---

## ANONCETOJ

● «Korespondo kaj Filatelo», japana gazeto nuntempe abonebla por hispanoj. Jarabono: 30 pes. Peranto: M. Miró Creu, Viladomiu, 31, Gironella, Barcelona.

● Internacia Koresponda Klubo serĉas gekorespondantojn. Skribu al la oficejo: Japan Correspondence Club, 10. 2-Chome, Chodo, Fuse-City, Japan.

● Germana firmo, kies komercaj rilatoj baziĝas en ĉiuspecaj transportoj kaj, krom tio, en eksport—, import— kaj transitaferoj al kaj el Germanujo, deziras interrilati kun tutmondaj firmoj. Skribu al S-ro G. Mohwinkel, c/o Lassen & Co. A. G., Steinhoeft 11, Hamburg 11, West Germany.

● Studento ĉe Teknika Universitato (elektra fako) deziras kerespondi kun gejunuloj en Hispanujo. S-ro Stojan Ŝopov, D-ro Vasiliadi, 9, Gabrovo, Bulgario.

● Ni deziras akiri aĉete aŭ interŝanĝe kontraŭ libroj, «Gramatika do idioma galego» de M. Lugris Freire, aŭ aliajn gramatikojn pri tiu idiomo. S-ro Charles Ellingsen, Boks 343, Bodo, Norvegujo.

BOLETIN

de la

FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

BULTENO

DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

VALENCIA

Redakcio: Str. Pelayo, 7, 1.ª

Adresoj de la Federacio

Sidejo: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)

Oficejo: Str. Pelayo, 7, 1.ª

Telefonoj: 19532 kaj 53579

Oficej-horoj

9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20

Sabate: nur 9 ĝis 13

Kunvenejoj

Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)

De 22'30 ĝis 24

Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil

Str. San Vicente, 67, 1.ª

De 15'30 ĝis 18

Kotizoj de la Federacio

Simpla membro: 15 pesetojn jare

Membro-abonanto: 40 pesetojn jare

Membro-subtenanto: 75 pesetojn jare

La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.

Eksterlanda abono al la Bulteno: 40 pesetojn jare

Monsendojn adresu al:

S-ro Ernesto Hurtado

Str. Pelayo, 7, 1.° - VALENCIA

---

## DONACOJ AL NIA BULTENO

**Antaŭa sumo 2.284 pesetoj.**

J. Anguita, 5 pesetoj.—A. García, 10—P. Cantó, 10.—P. Alcedo, 10.—H. Martens, 100.—José M.ª Bernabeu, 25.—M. Ortigosa, 5.—E. de los Toyos, 25.-S. Arizmendi, 25.- A. Criach, 100.-X. X., 25.—A. Aguiar, 10.—A. Nunes, 35.—S. Carrera, 35.—E. Tudela, 25.—D. Llorens, 25.

**Entute 2.714 pesetoj.**

---

### Donacoj por la Fondaĵo Montevideo

**Antaŭa sumo 940 pesetoj.**

La Hormiga Martinense, 25. — A. García, 5. — R. Albiol, 45.—P. Alcedo, 5.—E. Hurtado, 5.

**Entute 1.025 pesetoj**

---

### Donacoj por la Madrida Ekspozicio

R. Herrero, 25.—J. Bosch, 25.—E. Hurtado, 10.

**Entute 60 pesetoj.**

---

ATENTU.—Ekde pasinta 6-a de Junio, *Radio Juventud*, La Coruña, elsendas sian Esperanto-programon ĉiudimanĉe, de la 13,30 ĝis la 14,00 posttagmeze. Ondlongo: 250 metrojn.





S-ano Manuel Maynar dum sia parolado; malantaŭ li, S-ro Anglada, Rektoro D-ro Sancho Izquierdo kaj S-roj Gil Ulecia kaj Casanovas. Dekstre, S-ino Vizcaíno, F-ino Solá, Ges-roj Aguiar kaj S-roj Solá kaj Ventura en la placo «Pilar». Malsupre, granda grupo da kongresanoj sur la enireja ŝtuparo de la kongresejo atendas por la oficiala fotografado.



S-ro Nunes, Ges-roj Flaquer, S-ino Nunes, S-ino Aguiar, F-ino Solá kaj S-ro Aguiar dum la oficiala bankedo.

En la ekspozicio la Sekretario S-ro Marco, kiu staras meze, respondas demandojn de la kongresanoj.

